# INTERNACIA FERVOJISTO




1991.5.







Ce la elirejo de la stacidomo de Bergen ŝildoj bonvenigis al kaj klarigis pri la 76a Universala kongreso de Esperanto.

REDAKTORA BABILO

Se mi devus agi strikte laŭ la Statuto kaj Regularo de IFEF: aŭ IF devus enhavi pli da paĝoj, aŭ la raportantoj devus limigi la nombror de vortoj! Sed ĉar neniu el la menciitaj eblecoj supozeble realiĝos - almenaŭ je mallonga vido - vi, povra leganto, do devos ankaŭ ĉijare atendi ĝis (la) venonta numero, kiam temas pri preleg-resumoj de Olomouc kaj pri lasta parto de la resumo de jarraportoj de la landaj asocioj.

Intertempe atente legu sciindaĵojn pri la 44a IFK, protokolon de la 43a IFK, informojn pri kelkaj jarkunvenoj, kaj aliajn espereble taŭgajn aferojn.

Komenciĝas la nordhemisfera vintra sezono, kiu vokas nin al varbado por kursoj, tiel ke ni povu haltigi la stagnon de nia membronombro kaj plijunigi ĝian averaĝan aĝon.

Tio pleje validas tie, kie la vivo kaj la ĉirkaŭo estas trankvila kaj sekura, sed tie, kie turbulas ĉio ĉirkaŭ vi, vi tamen strebu laŭ la eblecoj.

Bonan strebon!

Red

NSB-ĉefo kaj Esperanto

Je diversaj okazoj altrangaj fervojistoj eldiras belajn vortojn pri Esperanto kaj pri la laboro de la fervojistoj-esperantistoj. Kelkfoje en sia nacia lingvo kelkfoje en la internacia. Plej ofte faroj ne sekvas la vortojn, sed tion ni ne riproĉu al ili, ĉar kiel altrangulo oni ja devas ekvilibre agi kaj singarde esprimi sin.

Ni spertis en Hamar dum la 42a IFK, ke la urbestro pozitive kaj en perfekta Esperanto alparolis la kongresanojn, kaj ke dum la ekumena diservo en la katedralo la paroĥestro predikis en same perfekta Esperanto. Kaj faro sekvis la vortojn! Dum la pasinta vintro ili lernis la lingvon, kaj en junio ili kune kun tri aliaj lernantoj 'brile sukcesis en la ekzameno', kiel ili esprimis al la gazetaro.

\- - -

La nova administra (=ĉefa) direktoro de Norvegaj Ŝtataj Fervojoj NSB, Kristian Rambjør, deziris renkonti reprezentantojn de la libertempaj organizaĵoj ĉe la fervojo. Ĉiuj rakontis pri siaj laboro kaj zorgoj, ĝis venis la vico al NEFA, kiu mallonge kaj precize prezentis la ideon pri internacia lingvo. Fine de la prezento la administra direktoro ricevis la unuan lecionon de seslecionа korespondа kurso, kaj li akceptis ĝin kaj promesis trastudi la kurson!

Brila maniero 'vendi nian varon'.

Kiu faris? NEFA-prezidanto Per Johan Krogstie. ■

INTERNACIA FERVOJISTO 1991.5 - 43a eldonjaro
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

Redakcio: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Tel +45 53 72 73 77. Telefakso (deĵore) +45 55 77 15 25.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretario: D-ro Romano Bolognesi, Via Misa 4, I-40139 Bologna.
Dana poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.
Dana bankkonto: 7353-350550, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).
Svisa bankkonto: 47'-02, Thurgauische Kantonalbank, CH 8590 Romanshorn.
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110-5 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev.



# *44a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)*

16a-22a de majo 1992 en MÜNSTER, Germanio
Adreso: 44a IFEF-kongreso, Postfach 10 04 30, D-W-6360 Friedberg/Hessen
Kontoj: E. Herlitze, 44. IFEF-Kongress Münster Sparda-Bank Köln (BLZ 370 605 90), Konto 100 068 675 aŭ
E. Herlitze, D-W-5300 Bonn 3 Postgiroamt Köln (BLZ 370 100 50), Konto 4185 66 - 501

| Kongreskotizoj (en germanaj markoj) | ĝis 31.01.92 | ekde 01.02.92 |
|---|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro) | 84 | 115 |
| Familiano aŭ junul(ino) ĝis 20 jaroj | 42 | 58 |
| Kongresano (ne IFEF-membro) | 100 | 140 |
| Simpatianto - minimume (ricevos kongresmaterialon) | 30 | 30 |

**Kongresejo**
estos "Halle Münsterland" (foira tereno), atingebla per aŭtobuslinioj 6, 8 kaj 17 (urbocentro - stacidomo - kongresejo). Tie troviĝas ankaŭ la akceptejo. Apud la kongresejo estas sufiĉe da loko por parkado.

**Informejo**
estos en la stacio Münster apud trako 21; ĝi servas vendredon (15. 05.) de 17.00 ĝis 21.00 h. kaj sabaton (16.05.) de 9.00 ĝis 18.00 h.

**Banko (DVKB)**
estas en la Bahnhof(stacidoma)strato apud la stacidomo; ĝi ŝanĝas valutojn ankaŭ vendredon (15.05) de 19.00 ĝis 20.00 h kaj sabaton (16.05) de 10.00 ĝis 18.00 h.

**Aliĝilo**
Ĉiuj landaj asocioj ricevis stokon da aliĝiloj. Bv. peti ilin tie. Krome aliĝiloj estas haveblaj ĉe la konstanta adreso.

**Loĝado**
La kongresanoj loĝos en hoteloj kaj pensionoj laŭ la elektita kategorio en la urbocentro. La prezoj por tranoktado respondecas al tiuj en okcidentaj landoj. Por kongresanoj, kiuj venos per aŭtomobilo, LKK povas peri pli favorprezajn ĉambrojn ekstere de la urbocentro. Ili nepre indiku sian trafikilon en la aliĝilo. Por kongresanoj el la landoj BG, CS, H, PL, RO kaj Estonio LKK disponas pri limigita nombro da favorprezaj litoj. La estraroj de tiuj landaj asocioj ricevos, antaŭvideble en oktobro, stokon de specialaj aliĝiloj.



Urbodomo de Münster

Glumarkoj
LKK eldonis trikolorajn glumarkojn. Ili montras la IFEF-emblemon sur stiligita fasado de la urbodomo en Münster. Folio kun 16 memgluaj markoj inkluzive sendkostojn kostas 5 markojn (DEM). Bv. ĝiri la sumon por la mendita kvanto al unu el la kongreskontoj. Kongrespartoprenontoj rajtas pagi la glumarkojn en la kongreso.

Ekskursoj
LKK ofertas unutagan ekskurson al Lathen, kie troviĝas la testinstalaĵo de magnetglita trajno. Oni vizitos ankaŭ barokan ĉaskastelon kaj unikan muelejon. La duontaga ekskurso kondukos al minimume du el cent regionaj akvokasteloj.

Provizora programo

| | | |
|---|---|---|
| sabato | 16.05 | Alveno, loĝigo<br>Interkona vespero |
| dimanĉo | 17.05 | Ekumena diservo<br>Solena malfermo<br>Internacia balo |
| lundo | 18.05 | Kunsido estraro/komitato (nepublika)<br>Terminara komisiono<br>Teatro |
| mardo | 19.05 | Unua plenkunsido<br>Ĉefa fakprelego, Fake aplika komisiono<br>Koncerto |
| merkredo | 20.05 | Ekskurso A (tuttaga) |
| ĵaŭdo | 21.05 | Dua plenkunsido<br>Fakprelegoj/Aktualaĵoj<br>Distra vespero |
| vendredo | 22.05 | Terminara komisiono<br>Movadaj aferoj<br>Ekskurso B (duontaga)<br>Fermo,<br>adiaŭa vespero |
| sabato | 23.05 | Forveturo al postkongreso |

Postkongreso
Gekolegoj de la Germana Regna Fervojo (DR) preparas postkongreson en la orienta parto de Germanio. Vidu la informon en Internacia Fervojisto 4/91, paĝo 63, kaj respektivajn venontajn informojn.

En la venonta eldono de Internacia Fervojisto ni prezentos la kongresurbon, priskribos la ekskursojn kaj respondas eventualajn demandojn.

LKK

---

INTERNACIA ESPERANTO-FESTIVALO en PARIZO 9-10-11 novembro 1991

kun i.a.: "Kia Koincido" el Germanio: "Pupohejmo" de Ibsen
Recitalo de Jak Le Puil (Francio)
Muziko per malnovaj tradiciaj instrumentoj
Koncerto de rokmuziko
Forumo "Kien la poezio?"
kaj prezentoj de pluraj aliaj artistoj el diversaj landoj.

Novaĵoj: ekspozicio de esperantistaj artistoj (i.a. kungluaĵoj de Germaine Hoffmann el Luksemburgio)
lunde: gvidata vizito de Parizo: Historio de Esperanto en Parizo.

Eblos rezervigi hotelĉambron je modera prezo.

Informoj kaj aliĝoj: D.Doye, 169 avenue de Choisy, F-75013 Paris
aŭ C.Nourmont, 2 om Kläppchen, L-5682 Dalheim, Luksemburgio. ■

**PROTOKOLO DE LA KUNSIDO ESTRARO-KOMITATO (PUBLIKA) en la 43a IFEF-kongreso en Olomouc (CS) - 14.05.91**

**Mallongigoj:**
H.Pr = honora prezidanto, Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, e-ano = estrarano, IF = Internacia Fervojisto, FAK = Fake Aplika Komisiono, TK = Terminara Komisiono, LKK = loka kongresa komitato, k-o = komitato, Ĉk = ĉefkomitatano, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (aŭtomobilkodoj).

**1. Malfermo, konstato mandatoj**
Pr bonvenigas la ĉeestantojn kaj dankas pro la granda nombro de partoprenantoj. Tuj oni konstatas la ĉeeston.

| LANDO | KOMITATANO |
|---|---|
| Aŭstrio (A) | Leopold PATEK |
| Belgio (B) | Lucien de SUTTER |
| Britio (GB) | Alan BURGESS |
| Bulgario (BG) | Enjo ENEV |
| Ĉeĥoslovakio (CS) | Jindřich TOMISEK |
| Ĉinio (TJ) | - |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN |
| Finnlando (SF) | - |
| Francio (F) | Jean ROLLAND |
| " | Yvon POUPEAU |
| Germanio (D-O) | Achim MEINEL |
| Germanio (D-W) | Erhard HERLITZE |
| " " | Egon KIEFER |
| " " | Otto RÖSEMANN |
| " " | Joachim GIESSNER |
| Hispanio (E) | José MOLINA |
| Hungario (H) | Jozsef HALÁSZ |
| Italio (I) | Germano GIMELLI |
| Japanio (J) | - |
| Jugoslavio (YU) | Milivoje MARAŠEVIĆ |
| Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Norvegio (N) | Per Johan KROGSTIE |
| Pollando (PL) | Janusz FORTUŃSKI |
| Svedio (S) | - |
| Svislando (CH) | Ernst GLÄTTLI |

| TASKO | KROMKOMITATANO |
|---|---|
| FAK | Petr CHRDLE |
| TK | - |

--------

| | |
|---|---|
| Rumanio (R) | Dorin PACIOGLU |

Ĉeestas 22 k-anoj/kk-anoj, plus gaste Rumanio, ĝis la punkto 7, post kiu R estas akceptita kaj partoprenas plenrajte (= 23).

2. Ricevitaj telegramoj, leteroj
Sk laŭtlegas la ĉefajn partojn de salut- kaj kuraĝigaj leteroj alvenintaj de:
- Vicministro pri Kulturo de Ĉeĥoslovakio, d-ro JINDŘICH KABÁT;
- Inĝ. Jaromir ŘEBÍSEK (CS), honora membro de IFEF,
- Fervojista Esperanto-Grupo en Szombathely (H);
- S-ino Lilija Pavlova KOLEVA (BG);
- S-ro János PATAY, k-ano por H

3. Honorigoj de la mortintoj
La ĉeestantoj honorigas la memoron de la mortintoj de la pasinta kaj de la komenco de tiu ĉi jaro, kies nomojn Pr laŭtlegas:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: | Adolf | STEIDL | 89 | |
| Danio: | Else | KENSING | 69 | |
| | Karen | NIELSEN | 65 | |
| | Charles | JENSEN | 69 | (17.11.90) |
| Francio: | Jean | OTT | 74 | (08.03.90) |
| | Josette | FORSLUND | | (24.04.90) |
| | Pierre | PAYET-DAVID | 82 | (22.07.90) |
| | Maurice | BERNET | 90 | |
| | André | GIOVENAL | 90 | |
| | Pierre | POLY | 88 | (01.02.91) (IFEF-Hon.M.) |
| | Susanne | DEUM | 67 | (16.02.91) |
| | Jean | DEMISSY | | |
| Germanio: | Heinrich | LADAGE | 56 | |
| | Gernot | RITTERSPACH | 61 | (13.01.90) (FISAIC-Med.) |
| | Heinrich | ROSS | 82 | (28.02.90) |
| | Helena | HIEBEL | 86 | |
| | Helga | KNÖTZSCH | 62 | |
| | Hardo | WENDT | 70 | |
| | Herman | FUELNER | 67 | |
| | Karl | PSCHEIDT | | (05.05.91) |
| Hungario: | Lajos (Ludoviko) | KORSCS | 88 | |
| Italio: | Geo | CLIMELLI | 72 | (02.01.90) |
| | Norma | ZACCONI | 69 | (21.09.90) |
| | Vitaliano | LAMBERTI | 67 | (01.10.90) |
| | Clementina(Nara) | NICOLINI Cesi | 63 | (15.01.91) |
| Nederlando: | Willem | v. DIJK | 79 | (01.11.90) |
| | Anton | EYKENAAR | 91 | (05.11.90) |
| | Ben | de JONGE | 66 | (05.02.91) |
| | Herman | PIETERSE | 72 | (07.02.91) |
| Norvegio: | John | MOE | 71 | (20.10.89) |

La kunsido observas unuminutan silentadon. Ke ili ripozu en paco.

4. Informoj pri gravaĵoj el la nepublika kunsido
Pr informas pri la akcepto de la k-o kaj petas de ĝi la konfirmon pri la decido honorigi k-gon Babiĉka kiel IFEF-Honoran Membron. Aplaŭde unuanime rajtigita.

Pr donas la parolon al Ĉk por la anonco de la elektoj en la Komisionoj: en TK estis elektita kiel Gvidanton kaj Redaktoron de TeKu k-go H. Dieter HARTIG (D), kaj kiel Sk inĝ.Jozsef HALÁSZ (H). Pr petas konfirmon

pri la elekto al k-o. Unuanime sankciita.

Pr donas la parolon al la gvidanto de FAK, inĝ. Petr CHRDLE: en FAK estis elektita kiel gvidanton li mem kaj kiel Sk s-ro Ladislav KOVÁR (CS). Pr petas konfirmon pri la elekto al k-o. Unuanime sankciita.

5. Raportoj estraraj
 5.1 Sekretario (IF 2/91, paĝo 21a)
 Unuanime aprobita.

 5.2 Redaktoro (IF 2/91, paĝo 24a)
 Unuanime aprobita.

 5.3 Kasisto, konfirmo de kasraporto (IF 2/91, paĝo 24a)
 Unuanime aprobita.

6. Protokolo Salou (IF 5/90, paĝo 69a)
 Unuanime aprobita.

7. Aliĝpeto pri aniĝo de Rumana Sekcio ĉe Rumana E-o-Asocio
 Pr invitas la k-on voĉdoni por la akcepto de la nova l.a. Ĝi estas unuanime aprobita per longa aplaŭdo. S-ro Pacioglu kore dankas kaj donacas al e-o kaj al LKK kristalvazojn kiel memoraĵojn.

8. Kongresproponoj (IF 1/91, paĝo 8a)
 Propono n-ro 1 (aldono de "gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisionoj" inter kiuj ricevu senpagan kongreskarton - G.R. cif 15). Unuanime aprobita.

 Propono n-ro 2 (aldono de "la ĉefkomitatano kaj la gvidantoj de la Terminara kaj de la Fake Aplika Komisiono" al kiu LKK pagu la tranoktkostojn - G.R. cif. 16). Pr klarigas ke dum la nepublika kunsido H.Pr proponis modifon por limigo de tranoktpago je 5 tagoj.

 Ĉk, konstatante ke post la modifo la e-o mem estos viktimo de sia propono, anoncas intencon depreni la proponon.

 Pr klarigas ke ja e-o havas personajn elspezojn, sed tio ne signifas esti viktimoj.

 H.Pr Giessner klarigas la proponitan modifon, kiu celas ne tro ŝarĝi la kongresajn kasojn.

 K-ano Gimelli substrekas la neceson ne enŝovi en la Statuton tro multajn detalaĵojn. Li konsilas aprobi la originalan tekston.

 K-ano Glättli subtenas la modifon kaj konsilas voĉdoni por ĝi.
 Pr voĉdonigas la k-on. Estas 11 voĉoj por la modifo, 7 voĉoj por la originalo, kaj 4 sindetenoj. Do al la teksto de G.R. cif. 16) de la estrara propono fine oni aldonu la vortojn: "por 5 tagoj."

 Propono n-ro 3 (nomumo de K.G.J. DE JONG kiel IFEF-H.Pr, postmorte). H.Pr Giessner klarigas ke bedaŭrinde dum multaj jaroj, laŭ la iama statuto, ne eblis preni tiun iniciaton.

K-ano Gimelli, memorigante pri la figuro de k-go DE JONG, invitas la k-on aklame aprobi ĝin. Propono aprobita per longa aplaúdo.

Nome de lia vidvino transprenas la honorigon s-ro Wim van Leeuwen, kiu dankas ŝiaflanke, kiu tamen ne povas persone partopreni. Li aldonas kelkajn personajn vortojn por substreki ke bedaúrinde nur post 23 jaroj, iom malfrue, venas rekono al homo kiu multe faris por IFEF ĝis sia morto, per laborado, verkado, ktp, kiel klare montras la motivigo. Laú li, eble estas makulo en la historio de IFEF.

9. Konfirmo pri invito al 44a Kongreso
H.Pr Giessner invitas al Münster en Germanio (16-22.05.1992) kaj al la postkongresa aranĝo en Harz-montaro. La invito estas unuanime aprobita. Jam disponeblas aliĝiloj kaj glumarkoj.

10. Raporto ĉefkomitatano
Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li ĝoje rimarkas ke ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en du estrarkunvenoj (Prago (CS), Peĉs (H)) kaj li kunorganizis la tutsemajnan Fervojistan Konferencon en Spa (B). Krome li kompilis adresaron, dissendis unu cirkuleron kaj ofte korespondis kun la e-o kaj kun la komitatanoj. Raporto unuanime aprobita.

Pr informas la ĉeestantojn ke dum la nepublika kunsido estis reelektitaj kiel Ĉk kaj anstataúanto resp. s-roj Lucien DE SUTTER (B) kaj Jan BULTMAN (NL).

11. Raportoj de komisionoj kaj komisiitoj
11.1 Terminara Komisiono
Ĉk De Sutter raportas pri la laboroj de TK en kiu la gvidanto k-go Hartig multe laboras ankaú por korekti la nekongruajn tradukojn de la ses lingvoj en LG IV kaj ĉefe li substrekas ke sufiĉe baldaú aperos LG V al kiu ni devas rigardi kaj esti pretaj. Unuanime aprobita.

11.2 Fake Aplika Komisiono
Gvidannto Chrdle raportas pri la agado de FAK kaj informas ke oni devas ne nur aranĝi dumkongresajn fakprelegojn, sed oni devas organizi fakkonferencojn kaj aperigon de fakkajeroj. Ankaú gravas ke IFEF kunlaboru kun TEC: pri tio li proponas nomumi IFEF-reprezentanton. Unuanime aprobita.

11.3 Komisiito por Skisemajnoj (IF 3/91, paĝo 46a)
K-go Niemann raportas pri la sukcesinta lasta 32a IFES en Contamines Montjoie (F). Unuanime aprobita.

11.4 Koresponda Servo
Komisiito Gimelli memorigas pri la forpaso de k-go André GIOVENAL (F) kiu en 1965 (26a IFK-Villach) starigis FKS-n kaj pri tiu de Jean DEMISSY (F), dumlonge komisiito por FKS. Post la mallonga agado de k-go JOLY nun li daúrigas la laboron. Li vere detale raportas pri granda nombro da leteroj kaj eĉ pli granda nombro da korespondemuloj, precipe el la landoj de orienta al okcidenta Eúropo. Unuanime aprobita.

11.5 Komitatano "A" de UEA

Vp I. Gulyás raportas pri la 75a UK Havano. Okazis: sufiĉe nombra partopreno; temo: "Esperanto, evoluo, kultura diverseco"; ĉefa preleganto: Carlos Rodriguez; ĉeesto de la kuba prezidento; akcepto de 2 novaj l.a.: Estonio kaj Ukrajnio; reakcepto de ILEI kiel aliĝanta faka organizo; bone organizita kontaktkunveno por fervojistoj kun du fakprelegoj.

S-ino Catina DAZZINI (I) klarigas la iamajn rilatojn inter ILEI kaj UEA kaj k-ano Gimelli dankas al Vp pro lia agado celanta diskonigi nian fakan agadon ĉe UEA.

Vp informas ankaŭ pri la venonta fakkunveno en Bergen: ĝi okazos marde la 30an de julio, 15,30h en salono Vang. La detala raporto estas unuanime aprobita (N.B.: Post Olomouc necesis tamen ŝanĝo: la fervojfakkunveno estos: sama tago, 10,00 horo, en salono de fervoja domo en la stacidomo Bergen. Vidu IF).

12. Resumo de la jarraportoj de la landaj asocioj

Laŭ ties jarraportoj, Vp Gulyas amplekse resumas treege detale la situaciojn kaj la agadojn de la l.a. Ĝis la ĝusta dato akurate venis ĉiuj jarraportoj.

H.Pr Giessner substrekas la gravecon de tiu resumo, por ke ĉiu prenu el ĝi kiel eble pli multon por plibonigi la agadon de IFEF:

Ĉk rekomendas ke ĉiu l.a. ĝustatempe preparu tiun jarraporton por eviti ke lastmomente oni respondu nur per "jes" aŭ "ne".

Raporto unuanime aprobita.

13. Resumo pri la situacio en kelkaj landoj

Svedio: estas malagrable, ĉar tie neniu nun deziras oficiale reprezenti la l.a.-on kaj aktiviĝi en la organiza laboro. La nordiaj k-goj klopodos normaligi la malfacilan situacion.

14. Budĝeto 1992 kaj kotizkonfirmo

Pr mencias al propono pri la budĝeto 1992, kiun Ks Hauge jam disdonis al ĉiuj k-anoj. Neniu rimarko venas kaj ĝi estas unuanime aprobita.

15. Rilato al aliaj organizoj

15.1 UEA

Vp memorigas pri la venonta UK en Bergen (N), dum kiu la norvegaj k-goj fake prelegos kaj en kiu li mem, k-ano Niemann kaj k-go Chrdle partoprenos.

15.2 FISAIC

Ks informas pri la IFEF/FISAIC-rilatoj. La situacio estas tre favora ĉar lastjare FISAIC akceptis Esperanton kiel trian laborlingvon laŭ la propono de s-ro Marcel TRUEL (F) kaj tio efektiviĝas per la laboro de la francaj kolegoj, al kiuj la ĉeestantoj dankas per aplaŭdo. Li ankaŭ mencias pri la prezidantara kunveno de FISAIC en Vieno (1991.11.07-10), dum kiu oni decidos ĉu inviti esperantiston el ĉiu landa asocio, por festi dum la jubileo en MILLAU (F) (1992.

10.01-05). Tio ja estus grava rekono al ni.

H.Pr Giessner proponas sendi leteron al s-ro Truel, por montri gratulon kaj dankon flanke de IFEF.

16. Venontaj kongresoj

16.1 Elekto de lando por 1993

Sk Bolognesi invitas la kongreson en Italio. Tre verŝajne la loko estos iu marborda urbeto proksime de Ravenna ĉe Adriatika Maro, kie estas bonaj turismaj kondiĉoj kaj prezoj. Oni klopodos aranĝi allogan postkongreson. La datoj estas decidotaj inter la duono de majo kaj la komenco de junio.

La invito estas ĝoje kaj unuanime aprobita.

16.2 Diskuto pri pluraj eblecoj

K-ano Patek (A) informas pri esploroj ĉe ili por kongreso en 1994. K-ano Halász (H) deklaras ilian pretecon por 1995.

La ĉeestantoj aplaŭde kuraĝigas kaj incitas daŭrigi la esplorojn por realigi la aranĝojn.

17. Internaciaj skisemajnoj 1992 kaj 1993

Komisiito Niemann klarigas la kondiĉojn, prezojn, ktp kaj varme invitas al IFES 1992.02.08-15 en Slovakio proksime de Zilina (CS).

Pri 1993 okazos IFES en Svisio ĉe Interlaken dum la lasta plensemajno de januaro. Tie bedaŭrinde la prezoj estas sufiĉe altaj.

La interesitoj gek-goj Feifiĉová kaj Glättli klarigas.

18. Eventualaĵoj

Sk memorigas al ĉiu l.a. sendi ĝustatempe la informojn pri siaj mortintoj al Rd kaj al li por ke estu akurata mencio en la raportoj.

Sk ankaŭ atentigas pri la terminara laboro en la l.a. por agadi kaj atingi komunan celon: samtempa aperigo de multaj Esperanto/nacilingvaj fervojaj terminaroj kaj inverse, ĉiuj kun la sama enhavo, kiu venas de la oficiala verko de UIC. Eble neniu fako havas tion.

Pr ricevas informon pri la oficiala nombro da partoprenantoj en la kongreso Olomouc: ĉeestas 380 el 19 landoj.

19. Libera diskutado

K-ano P.J. Krogstie (N) konsilas la italojn elekti Diano Marina-n (okcidenta Ligurio) kiel taŭgan lokon por postkongreso 1993.

K-go F. Scharf (A) parolas kiel radioamatoro konsilante, por aliaj kongresoj, kontaktiĝi kun anoj de FIRAC, kiu ankaŭ estas membro de FISAIC.

Ks disponigas insignojn, flagetojn kaj terminarojn de IFEF.

Sk respondas pri la Krogstie-propono, menciante la malfacilajn trafikeblecojn kaj la longan distancon inter Ravenna kaj Ligurio, sed certe esploros ĉu tio eblos.

Kk-ano Chrdle klarigas pri la sinteno de la lokaj radioamatoroj, kiu malpermesis starigon de radio-aranĝo en Olomouc.

K-go Scharf atentigas pri la oficiala pozicio de Esperanto kiel dua lingvo post la angla inter la radioamatotoj. Neniu alia lingvo estas oficiala. Oni devas fari taŭgan propagandon inter tiuj.

La IFEF-Pr Engen fermas la kunvenon dankante ĉiujn pro la kunlaboro kaj kontribuo.

Bologna, 02.06.1991

Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

## RESUMA JARRAPORTO DE LA LANDAJ ASOCIOJ DE IFEF PRI LA JARO 1990

Tiu ĉi resuma jarraporto estas kompleta, ĉar ĉiu landa asocio sendis ĝin, kvankam kelkaj landaj asocioj sendis ĝin iom malfrue post la limdato.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj ok paĝoj. La raportoj el Belgio, Ceĥo-Slovakio, Ĉinio, Danio, FR Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio kaj Svislando estis ekzemplodone ampleksaj.

(Rimarko pri nomigo de Germanio: ĉar dum konsiderinda parto de la jaro 1990 ankoraŭ ekzistis Germana Demokrata Respubliko, ni ĉisube permesas al ni uzi la antaŭan esprimon 'GDR' por la teritorio de Deutsche Reichbahn DR).

1. La landaj asocioj.

Laŭ la raportoj ĉiu landa asocio havas sian estraron. La nombro de estraranoj varias inter 3 kaj 12 membroj.

La membraro de la landaj asocioj nombras 5553, kio estas 696 pli ol dum la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 2021 IFEF-membroj, laŭ la jarraportoj 102 membrojn malpli, ol dum la antaŭa jaro. El la membraro de IFEF 50 procentoj estas emerituloj, kaj tiu ĉi indiko montras unu procenton malpli ol dum la antaŭa jaro. La membro-nombro de la emerituloj varias inter 2% (Ĉinio) kaj 86% (Britio).

Laŭ la raportoj en 11 landoj troviĝas 124 lokaj grupoj, dek grupojn malpli, ol dum la antaŭa jaro. Mi rimarkas, ke multaj jarraportoj ne donas indikojn pri tio.

2. Landaj organoj.

14 landaj asocioj havas propran organon. Danio, Francio kaj Nederlando aperigas ĝin dek-unu-foje, Aŭstrio, Britio, Ĉinio, Hispanio, Jugoslavio kaj Svedio ses-foje, FR Germanio kvin-foje, GDR, Hungario, Italio kaj Svislando kvar-foje, la ceteraj malpli foje. Ok landaj asocioj ne aperigas propran periodaĵon. La totala amplekso de tiuj periodaĵoj nombras 925 paĝojn, iom pli ol en la antaŭa jaro.

Britio, Danio, Francio, GDR, Hungario kaj Nederlando raportas aperigi ĝin pure en Esperanto, Aŭstrio, Ĉinio, FR Germanio, Hispanio, Italio, Jugoslavio, Svedio kaj Svislando raportas pri dulingva.

La landaj asocioj/sekcioj en Belgio, Bulgario, Ceĥio, Ĉinio, GDR, Hispanio, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Slovakio raportas

pri porokaza aperigo en aliaj revuoj entute proksimume sur 80 paĝoj.

3. **Rilatoj kun fervojaj kaj aliaj instancoj.**
Britio, Finnlando, Japanio kaj Svedio raportas, ke ili ne havas rilatojn al fervojaj administracioj, la ceteraj landaj asocioj havas, eĉ Ĉeĥo-Slovakio, Hungario, Nederlando kaj Norvegio raportas pri bonaj kontaktoj. Britio, Bulgario, Finnlando, Hispanio, Japanio, Pollando kaj Svedio ne ricevas financan apogon de la fervojo, la ceteraj pli-malpli ricevas. Britio, Bulgario, Finnlando, Japanio kaj Svedio ne raportas al la fervoja instanco pri sialanda Esperanto-movado.

La klarigoj de la oficialaj fervojaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥo-Slovakio, Danio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando, krome Hispanio nuntempe pritraktas la aferon kun la koncernaj instancoj.

Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥo-Slovakio, Danio, Francio, FR Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando havas rilatojn al FISAIC-organizo. En Hungario tiu rilato estas bone evoluiĝanta. La ceteraj havas nenian rilaton al FISAIC-organizaĵo.

Sep landoj raportas, ke iliaj membroj funkcias ĉe landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj, krome FR Germanio raportas, ke ĝia membro ser ofico havas taskojn de FISAIC.

Aŭstrio, Bulgario, Ĉinio, Francio, FR Germanio, Hungario, Italio, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svislando havas rilaton kun la landa sindikato, eĉ Aŭstrio, FR Germanio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svislando raportas pri modesta subvencio de la sindikato. Tiuj landoj raportas al sindikato pri la Esperanto-movada agado. 13 landaj asocioj kunlaboras kun la libertempaj, sportaj, kulturaj, artaj, turismaj kaj filatelistaj organizaĵoj por fervojistoj.

Aŭstrio, Ĉeĥo-Slovakio, Ĉinio, FR Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Jugoslavio kaj Norvegio havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj (naturamikoj, radioamatoroj, verduloj, pacemuloj, instruistoj ktp.), eĉ pluraj el ili kunlaboras.

4. **Kunlaboro - Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj.**
12 landaj asocioj raportas pri kunlaboro kun UEA, 6 landaj asocioj kun SAT, inter ili Nederlando raportas pri tre bona kunlaboro. Krome 14 landaj asocioj havas bonajn kontaktojn, respektive kunlaboron kun ceteraj Esperanto-organizaĵoj, ekzemple kun Mondpaca Esperantista Movado (MEM), Universala Medicina Esperanto-Asocio (UMEA), Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio (IPTEA), Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE), Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), Internacia Esperanto Muzeo en Vieno (IEMW), Natura kaj Socia, Sciencaj Asocioj ktp.

5. **Informado kaj varbado.**
Britio, Finnlando, Japanio kaj Svedio raportas pri tio, ke ili ne instigis aperigi artikolojn en gazetoj. La ceteraj landaj asocioj raportas pri pozitivaj faktoj, inter ili FR Germanio raportas pri 82 artikoloj kaj Ĉeĥo-Slovakio pri 57 artikoloj. Tiuj aperis ĉefe en fervojaj, plue en fakaj revuoj, multaj en lokaj tagaj gazetoj.

13 landoj raportis pri la distribuo de priesperanta informmaterialo. Inter ili elstaras Italio per 5000 unufoliaj materialoj. 9 landaj asocioj raportas pri la distribuo de plurfoliaj informiloj, Francio raportas pri 5000, Italio pri 2000 kaj FR Germanio pri 1500. 6 landaj asocioj raportas pri la distribuo de afiŝoj, ĝia nombro estas entute pli ol 2000 ekzempleroj, inter ili Italio 850 kaj Fanio 800. Kaj la informilojn kaj la afiŝojn oni disdonis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, respektive al ceteraj interesiĝantoj.

En 11 landoj okazis 66 fakprelegoj, plejparte pri fervojaj novaĵoj, pri la laboro de la pasintjara IFEF-kongreso, pri la Fervoja Terminaro. El la fakprelegoj mi nepre devas emfazi la fakprelegrondvojaĝon de nia honora prezidanto s-ro Joachim Giessner, kiu en Ĉeĥo-Slovakio kvarfoje, en Hungario kvarfoje kaj en Rumanio unufoje faris tre gravan, interesan fakprelegon en pluraj urboj sub la titolo: "La organizo, funkcio kaj servoj de la okcidentaj fervojoj". Plejparte li prelegis en Esperanto helpe de interpretisto, ja multaj altrangaj neesperantistaj fakuloj partoprenis en ili. Ĉiuokaze vigla kaj nivela faka konsultado sekvis la prelegon.

En Aŭstrio, Ĉeĥo-Slovakio, Francio, FR Germanio, Hungario, Italio, Norvegio kaj Pollando okazis prezentaĵoj, sciigoj, intervjuoj en radio, plue en Italio okazis du prezentadoj en la programo de televido.

8 landaj asocioj entute en 16 urboj aranĝis 25 ekspoziciojn, kiujn vizitis 25000 interesiĝantoj. Italio raportis pri miloj da vizitantoj, krome Francio kaj Norvegio ne indikis la nombron de la vizitantoj.

13 landaj asocioj raportas pri aliaj metodoj por informi kaj varbi neesperantistojn. Tiuj okazas per informkestoj, murgazetoj, anoncoj en gazetoj, ĵurnaloj.

6. **Kunvenoj, kursoj kaj tiel plu.**

Ĉiuj landaj asocioj aranĝis estrarkunsidon, ties nombro laŭ landoj varias inter unu kaj dekdu, entute 110, Hispanio raportas pri kelkaj. La ĉefaj temoj de tiuj kunsidoj estis administraciaj, financaj, organizaj, movadaj, kongresaj aferoj, pri laborplano kaj pri la taksado de tiuj. Krome en 14 landoj okazis entute 328 membrokunsidoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kies temoj estis la antaŭe menciitaj.

En 14 landoj okazis 71 lingvokursoj memstare, krome en du landoj okazis ok lingvokursoj aranĝitaj komune kun nefervojistaj Esperanto-organizaĵoj. La nombro de la kursanoj entute estis 605. Ĉe la kursoj elstaris Francio kun 160 kursanoj, Hungario kun 137 kursanoj, Italio kun 80 kursanoj, kaj Pollando kun 68 kursanoj.

Pri aliaj edukaj aktivecoj raportis Francio pri konversacia kurso, Hungario, Italio kaj Hispanio pri filmoj, muzikvesperoj, literaturaj programoj.

Ne okazis jarkunsido en Britio, Hispanio kaj Italio. La ceteraj landaj asocioj (laŭnombre 19) aranĝis jaran kunvenon. La raportoj informas pri entute 648 partoprenintoj. 88 eksterlandaj gastoj partoprenis jarkunsidojn en 11 landoj. Dum tiuj jarkunsidoj okazis entute 14 prelegoj, 10 ekskursoj en 6 landoj.

Belgio, Britio, Francio, FR Germanio, Nederlando komune aranĝis

Internacian Fervojistan Renkontiĝon en Spa, krome ankaŭ Pollando raportis pri aranĝo de Internacia Fervojista Renkontiĝo.

Laŭ la jarraportoj de la landaj asocioj la ĉinoj ne partoprenis la pasintjaran Internacian Fervojistan Kongreson en la norvega urbo Hamar, sed krom la membraj asocioj de IFEF tri personoj partoprenis en ĝi el Rumanio. En la jarraportoj rolas 322 partoprenintoj de la 42a Internacia Fervojista Kongreso. Mi rimarkas, ke cetere laŭ la kongresa bulteno el 21 landoj 393 personoj partoprenis nian kongreson en Hamar.

Dek landaj asocioj utiligis la gazetaran servon el Hamar.

Pri la kongresa bulteno oni faris la sekvajn rimarkojn:

Belgio: "... ĝi estas tre utila por redaktoroj de diversaj bultenoj por komentarii prelegojn en la kongreso ...", Ĉeĥo-Slovakio: "... ĝi estis sufiĉe informa, kvankam iuj gravaj detaloj malestis ...", FR Germanio: "... La materialo ebligis bonan informadon pri la kongreso, NSB, Hamar kaj pri la vizititaj lokoj ...".

Ok landaj asocioj aperigis la kongresan fakprelegon en Esperanto-periodaĵoj, naŭ landaj asocioj en nacilingvaj fervojfakaj revuoj, ses landaj asocioj en aliaj gazetoj, kaj kvin landaj asocioj utiligis ĝin alimaniere.

8. Junularo.

15 landaj asocioj raportis pri la junularo. IFEF havas laŭnombre 579 gejunulojn sub la trideka vivojaro. Tiu ĉi indiko montras malkreskon, 103 malpli ol en la antaŭa jaro. Laŭ landoj la nombro de la junuloj varias inter 2 (Aŭstrio) kaj 250 (Jugoslavio). Krome Hungario registras 160 junulojn. En la ceteraj landoj la nombro de tiuj estas sub 50.

Neniu landa asocio havas apartan junularan grupon.

Jugoslavio raportis, ke junulara laborbrigado gajnis gravan publikan rekonon. Slovakio raportis, ke en la kadro de la Trafika Altlernejo funkcias Esperanto-lingvokurso.

(Daŭrigo en la venonta IF)

## INTERESA EKSPERIMENTO EN SVEDIO

La kvar regionaj fervojaj linioj - komune 456 km - kiuj kondukas el la nodo Nässjö al Oskarshamn, Åseda, Halmstad kaj Jönköping, ĉiam donis deficiton, kiam la Ŝtataj Fervojoj (SJ) funkciigis ilin. Sed ekde majo 1990 tiuj linioj estas en la mano de privata societo "BK-Tåg", kaj ne plu estas deficito. La sekreto i.a. devenas el la fakto, ke la regionaj komunumoj partoprenas en la kostoj. Ili eĉ aĉetis 20 dizelajn motorvagonojn de SJ. La personaro konsistas el nur 34 kondukistoj, kiuj ankaŭ venis de SJ, 10 kunlaborantoj por vagonflegado kaj 4 dungitoj. La kondukistoj ankaŭ vendas biletojn kaj en- kaj elkargas bagaĝon kaj poŝtaĵojn.

La nombro de pasaĝeroj kreskis intertempe je 45%.

komp. Jogi

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Germano GIMELLI, Via Creti 61,
I-40128 BOLOGNA, Italio.

Bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on k.t.p.

Aldonu se eble internacian respondkuponon.

## HONORIGO K.G.J. DE JONG

Je la 21a de junio kunestis en la stacidoma restoracio de Amstelstation en Amsterdam reprezentantoj de FERN (prezidanto Jan Bultman kaj edzino) kaj IFEF (ĉefkomitatano Lucien de Sutter, honormembro Wim van Leeuwen kun edzino) kun sinjorino de Jong, vidvino de Kornelis de Jong, prezidanto de IFEF de 1958 ĝis 1968, la gefiloj Joop, Folkert, Tineke kaj nepo Remco.

En ĉi tiu malgranda rondo honormembro Wim van Leeuwen plenumis la taskon, nome de la plenkunsido de la IFEF-komitatanoj dum la 43a IFEF-kongreso en Olomouc, komuniki oficiale la decidon de la komitato nomumi postmorte Kornelis de Jong honorprezidanto de IFEF. Li transdonis al sinjorino de Jong la leteron de la IFEF-estraro, kiu konfirmis tiun decidon kaj la sentojn de respekto, kiuj ĉiam vivas ĉe tiuj, kiuj havis la plezuron kunlabori kun nia tiama prezidanto sed ankaŭ ĉe la pli junaj aktivuloj en nia IFEF-movado.

En agrabla etoso ni restis kune dum kelkaj horoj kaj multaj rememoroj pri malnovaj amikoj kaj IFEF-okazintaĵoj supreniĝis. Dank'al la fakto ke sinjorino de Jong ĉiam, kun la edzo, ĉeestis en niaj kongresoj ŝi konas multajn homojn kaj scias multe pri IFEF-historio.

Sinjorino de Jong kaj la gefiloj alte aprezis la nunan honorigon de la IFEF-komitato kaj dankis pro nia ĉeesto en ĉi tiu agrabla sed tamen iomete solena kunveno.

W.v.L.

## NIAJ JARKUNVENOJ

**Pollando:**
La 8a kongreso de Polaj Esperantistoj-Fervojistoj okazos en WIEŻYZA la 27an - 29an de septembro 1991. Aranĝas kaj akceptas aliĝojn la fervojista klubo "Verda Vojo", ul. Dyrekcyjna 2-4, PL-80-852 GDAŃSK. Wieżyca estas vilaĝo en Kaŝubio inter Gdynia kaj Kościerzyna kaj la aranĝo okazos en fervojista feriodomo. Tre varia programo.

Lige al tiu aranĝo Turisma Servo de Monda Turismo organizas jenon: 22an de sep: alveno en Poznań Ĉ je h 14a, je la 15a komuna busveturo al Sepólno Kr., la 23an malstreĉiga ekskurso en la naturo kun pikniko apud unu el la 100 lagoj de la regiono, la 24an ekskurso al Bydgoszcz kaj Toruń, la 25an ekskurso 'Pollando teknike kaj historie', la 26an tuttaga ekskurso al Varsovio kun reveno al Wieżyca. Partopreno al la 8a kongreso de PEF. En la programo oni antaŭvidas busekskurson al la triurbo Gdynia, Sopot kaj Gdańsk.

Kostprezo de Poznań (22an) ĝis Gdańsk (29an) por tranoktoj, manĝoj, programoj = entute 250 nederlandaj guldenoj (NLG).

Aliĝoj al Kunordigcentro por Mez- kaj Orienteŭropo de Turisma Servo, ul. Mlynska 27, PL-89-400 SEPÓLNO Kr.

**Germanio (GEFA):**
Jarkunveno de GEFA okazos la 11an-13an de oktobro 1991 en FRIEDRICHSHAFEN. La aranĝo okazos kunlabore kun Baden-Virtemberga Esperanto-Ligo kaj atendas la partoprenantojn
- ŝipekskurso al Lindaŭ,
- teatraĵo prezentita de la entuziasmiga ensemblo "Kia koincido",
- riĉa libro-servo,
- lingvo-ekzameno,
- fakkunsidoj.

Aliĝo ĉe Siegfried Krüger, Dinkelsbühler Str 12, D-W-7100 Heilbronn.

■

## FERVOJISTA KONTAKTKUNVENO dum 76a UNIVERSALA KONGRESO en BERGENO, NORVEGIO

Dum la tagoj 27a de julio ĝis 3a de aŭgusto disvolviĝis en la okcidentnorvega havenurbo Bergeno la 76a UK. Varma - eĉ foje varmega - sunbrilo miksiĝis kun la korvarmo de tiu manifestacio de la tutmonda lingvokomunumo, al kiu apartenas ankaŭ ni fervojistoj.

Marde la 30an de julio kolektiĝis 50o da fervojistoj kaj interesiĝantoj en la bonfarta salono (Velferdssalen) de la Bergena stacidomo.

Vicprezidanto de IFEF István Gulyás gvidis la kunvenon, al kiu bonvenigis Per Engen, prezidanto de IFEF. Pri la 43a IFK en Olomouc raportis Vp Gulyás, pri preparoj fare de NSB (Norvegaj Ŝtatfervojoj) rilate al la vintraj olimpikaj ludoj en Lillehammer en 1994 (vidu IF 1991.3 paĝojn 45-46) parolis Per Johan Krogstie, prezidanto de NEFA kaj pri norvegaj vagontipoj prelegis Rolf Bergh (N).

Vidbendaj prezentadoj de urbo kaj ĉirkaŭaĵo de Hamar kaj de la 43a IFK en Olomouc sekvis, kaj post tio NEFA regalis ĉiujn per buterpanoj, kuko kaj kafo.

Je h 12.30 finiĝis la aranĝo, kiu ankoraŭfoje manifestis la signifon de la fervojistoj-esperantistoj. ■

## SENPAGA NUMERO DE "HEROLDO DE ESPERANTO"

Sufiĉas sendi poŝtkarton al la redakcio de "Heroldo de Esperanto" (adreso: Via Sandre 15, I-10078 Reale (To), Italio) por senpage ricevi ekzempleron de la duobla numero de la gazeto kun ilustrita raporto pri la UK en Bergen.

Kiel ĉiuj scias, la grand-formata "Heroldo de Esperanto" fondita en 1920, de pli ol 70 jaroj estas la plej ofte aperanta kaj la plej populara internacia periodaĵo en la lingvo de Zamenhof. ■

## ENHAVO:



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos en novembro, estas 10.10.1991

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved